# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 21/04/2016 Ducentsesdeksesa eldono 21/04/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 306.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **365,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 119. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Fari vortojn. Ĉ.

Pasintsemajne ni menciis la unuajn du regulojn por fari novajn vortojn, nome ke ili bezoniĝas, do ke ili reprezentas ekzistantajn nociojn, kaj ke ni uzu nur oficialajn vortojn por fari novajn vortojn.

La tria regulo estas, ke la nova vorto estu kompleta unu vorto, sen streketoj nek finaĵoj inter la partoj. Do malĝustaj estas vortoj kiaj vagonar-stacidomo kaj pomojnmanĝanto kaj singarda kaj Esperanto domo kaj ĉel' kaj muzik-centro. Se troviĝas streketo inter du partoj, ne temas pri vorto aŭ vortkunmetaĵo, sed pri kombinaĵo de du vortoj kiu estas adicio de du gramatike egalvaloraj aferoj, kiel "(vortaron) francan-germanan" kaj "likvidistoj-administrantoj". La du partoj interŝanĝeblas. En veraj vortkunmetaĵoj la partoj ne adiciiĝas sed unu influas la alian. Kaj la finaĵoj troviĝas nur ĉe la fino de la vortkunmetaĵo kaj ili apartenas nur al la lasta de la du (aŭ pli) elementoj. La finaĵoj en Esperanto estas –j, -n, -o, -a, -e, -i, -as, -is, -os, -us kaj –u.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Kunvenis Sabaton 16an de Aprilo. Venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey kaj Jano Wylles. Eunice Graham estas en malsanulejo pro problemo de sia kruro kaj ne povis veni

# Nova speco de kunveno ĉe Esperanto-Domo



Okazis la 16an de Aprilo, Sabaton, 6ptm, nokto kun muziko, pico kaj novaj amikoj
Atendas raporton.



# El Adelajdo



Dimanĉe (10/4/16) posttagmeze kelkaj Sudaŭstraliaj esperantistoj renkontiĝis ĉe la loka muzeo- Unley Muzeo. Ni lernis iomete tie pri la unua loĝantaro -la Kaŭnaj homoj (aborigenaj). En tiu loko ili perdis sian teron en 1836, kiam la blankuloj komencis konstrui domojn tie.

Ni ankaŭ eksciis ke la muzeo estis la unua kontraŭfajra stacio, kiam ili uzis ĉevalojn por tiri la fajrveturilon (brulpumpilon).

Estis ankaŭ ekspozicio pri la loka-Unley dum la unua mondmilito. Tie Madeline skribis, per malnova maŝino pri morse kodo ( telegrafkodo) ESPERANTO . ... .--. . .-. .- -. - ---

Post tiu vizito ni piediris al apuda kafejo. Ni malkovris en la muzeo, ke la aborigenoj ofte renkontiĝis en la sama loko ĉe akvofonto. Interesa koincido! Ni serioze kafumis kaj kukumis tie, regardis pli da fotoj de la Trilanda Kongreso en Bandung, Indonezio, kaj ludis ludojn en Esperanto!

Kia ĝoja posttagmezo! Amike, Helen Palmer




Supra foto: Madeline, Michael, Katja. Helen, Eileen, Kathy, Mike, ĉe la muzeo



Michael, Sandor kaj Katja
Ludantoj ĉe la kafejo:



Gvidanto Helen



Madeline

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

# Gagarin: la unua kosma flugo en la historio!

Antaŭ 55 jaroj, la 12-an de Aprilo en 1961, la sovetia armea piloto Jurij Gagarin per la kosmoŝipo Vostok-1 (Oriento) faris la unuan en la mondo flugon ĉirkaŭ la terglobo. Lige al la datreveno aperis interesa artikolo de Grigorij Arosjev en la revuo "La Ondo de Esperanto", kaj en ĝi interesa penso: *Li estis tre pozitiva kaj grava personeco, kaj li mortis "ĝustatempe"...*

## Eltirajoj, fragmentoj el la artikolo:



... Antaŭ 55 jaroj, matene la 12-an de Aprilo en 1961, la sovetia armea piloto Jurij Gagarin per la kosmoŝipo Vostok-1 (Oriento) faris la unuan en la mondo flugon ĉirkaŭ la terglobo.
... Dum jardekoj Gagarin restas homo, kiun konsiderenda plejparto da la loĝantoj de Sovetunio daŭre traktas pozitive aŭ neŭtrale — verŝajne, unika okazo. Certe, ekzistas individuoj, kiuj ne ŝatas ĉion, ankaŭ Gagarin-on, sed ili estas treege malmultaj. La unua kosmonaŭto ĝis nun estas heroo por la ruslandanoj.
... Gagarin per siaj 108 enorbitaj minutoj donis al homoj, kiuj ne havis sciencan kleron, esperon pri la baldaŭ venonta "kosma erao". Ĝi ne venis ĝis nun — sed tio estas alia afero, Gagarin ja ne kulpas.
... Fine, Gagarin estis tre simpatia juna viro (fluginta en la kosmon estante nur 27-jara), kiun ĉiuj memoras bonkore ridetanta. Ankaŭ gravis, ke li naskiĝis en eta provinca vilaĝo, do estis vera "filo de la popolo".
... Sed samtempe, malgraŭ cinikeco de sekvaj vortoj, Gagarin estas, kaj, kredeble, estos same grava por nia historio, ĉar li ĝustatempe mortis (fakte – pereis). La morto ne estis ĝustatempa por liaj familianoj, sed por lia renomo – jes. Li restis legenda homo, heroo, kiun la popolo malmulte konas. Sendube oni scias, ke ...
... Lige kun tio oni nepre menciu la filinojn de Gagarin, Jelena kaj Galina, kiuj, malgraŭ evidente bonstata vivo, neniam spekulis per nomo de sia patro.
... Por la legendeco de Gagarin kontribuas ankaŭ la cirkonstancoj de lia pereo aviadil-katastrofe la 27-an de marto 1968. Ĝis nun oni ne scias precize, kio okazis. La oficiala versio tekstis, ke pro ŝanĝiĝo de fluga situacio la pilotoj (kune kun Gagarin pereis lia kolego Vladimir Serjogin) faris abruptan manovron kaj ne sukcesis rektigi la aviadilon. Ekzistis ankaŭ aliaj versioj. Laŭ unu el tiuj, kiujn faris sendependaj sciencaj profesiuloj, inkluzive de la menciita Leonov, la flugmaŝino de Gagarin estis aerpuŝita de alia aviadilo. Iuj akuzis altrangan armeanon Nikolaj Kuznecov, kiu pro malbona vetero devintus nuligi la flugon de Gagarin kaj Serjogin, sed ne faris tion. Kromaj versioj de la katastrofo, tre malverŝajnaj aŭ simple idiotaj, estas jenaj: la komploteca (Gagarin konfliktis kun altranguloj kaj tiuj aranĝis la katastrofon), konspirologia (li mem imitis sian morton por plu vivi kun alia nomo) kaj eĉ nifologia (li ne pereis, sed estis forportita de aliplanedanoj).

*Legu la tutan artikolon en la retejo* http://sezonoj.ru/2016/04/jubileo-de-la-kosmotago/

*Szilvási L.* *Fonto: Ret-Info, LS*